# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

Lingvoilo Google Translate Plena Ilustrita Vortaro

**PLENUMITA 4/05/2017 Tricentdudeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **835,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**
http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA EKZERCO. 19.



### Ĉu "kiel" aŭ ĉu "dum" aŭ "ĉar"?

Jen alia eŭropa trouzo de "kiel":

"Kiel vi scias, mi foriros". Ne temas pri "En kiu maniero vi scias, do ni ne uzu tion. La signifo estas: "Mi foriros, kaj vi scias tion" aŭ "Vi scias ke mi foriros" aŭ "Dum vi scias tion, mi foriros" aŭ "Vi jam scias, ke mi foriros" aŭ "Dum via scio, mi foriros" aŭ "Mi foriros, dum vi scias".

Alia kazo de la angla "as" estas la signifo "ĉar" en "As I am too old" "Ĉar mi estas tro maljuna" indikanta la tialon ĉar mi ne povas fari ion. Kaj "As you already know" "Ĉar vi jam scias". Komparu tion kun "As you know, I will be absent" "Dum vi scias, ke mi malĉeestos" aŭ "Mi malĉeestos, kaj vi tion jam scias", signifanta ne la tialon sed la fakton de la aldonita sciado.

En neniu el la ĉi supraj kazoj povas ni uzi "kiel", kion tamen faras la eŭropaj lingvoj.

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

**Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.**



**Bona rakonto kaj bona Esperanto**

**Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (2a daŭrigato)**

Mia patro havis tian veturilon, ĉar dum la tago li laboris en fiŝvendejo. Lia tasko estis i.a. alporti al la klientoj iliajn aĉetitajn fiŝojn, kaj por tio li uzis trenĉareton. Tiajn trenĉaretojn oni preskaŭ ne plu vidas en la stratoj post la invento de la aŭtomobilo. Ĉiun vesperon li hejmen venis kun kelkaj fiŝoj por nia vespermanĝo, apetitige, ĉu ne ? Precipe kiam li hejmen portis angilojn, kaj perdis unu el ili sur la plankon de la kuirejo. Gerda kaj mi ridegis, mia panjo neniam, kaj mia paĉjo rampis sur la planko por rekapti ilin ! Mia patro mortigis ĝin, sed tion li faris pro amo al sia familio. Ni do vivtenis nin per angiloj, kiujn oni tiam konsideris luksa manĝaĵo, sed fakte tia "manĝaĵo" estas tre malbona kaj malsaniga. Pli bone estas eviti ĝin, konsiderante la bonfarton de la angiloj !

Tiaj loĝejoj, kiaj troviĝas ne nur en la okcidenta parto, sed ankaŭ en la norda, ne estas fierindaj. Tiuj en la oriento estas bonegaj kompare kun la aliaj, kaj tie loĝis plejgrandparte la riĉuloj. En la sudo estis tiam ne multo, nur kampoj kaj forĵetindaĵejoj.

De 1733 ĝis 1741 la danaj kamparanoj estis laŭleĝe ligitaj al la bienposedantoj, kaj kamparanoj inter 14 kaj 36 jaroj ne rajtis forloĝiĝi. En 1741 la aĝolimo estis 9 ĝis 40, kaj en 1764 ĝi estis 4 ĝis 40. Mensogis la registaro, ke tio estis farita por sekurigi al la armeo sufiĉe da soldatoj, oni ja bezonis iujn mortontojn, ĉu ne? kvankam la vero sendube estis, ke la bienposedantoj, tiam, kiel ankoraŭ nuntempe, bezonis senpagan laboristaron. Fakto estas, ke la bienposedantoj posedis ne nur sian bienon, sed la tutan vilaĝon kun ĝia popolo, kiun ĝi traktis tre malhumane. Ne estis inventita la nocio, "homaj rajtoj", sed se ili estis, ili validus nur por la bienposedantoj !

Fine iu reĝo aŭ kronprinco decidis, ke pli bone estas esti humana, aŭ homama, kaj li do liberigis ĉiujn kamparanojn. Ekde tiam ili rajtis forlasi la kamparon kaj ekloĝi en la granda urbo, da kiuj troviĝis tiam nur unu en Danlando. Venis la kamparanoj al Kopenhago. Ili venis per siaj ĉevale tirataj veturiloj, simile al la kopenhagaj laboristoj centojn da jaroj poste, escepte ke tiuj ne havis ĉevalojn, ĉar homamo nur tre malrapide evoluis en Danlando, kiel ankaŭ amo al ĉevaloj !

La riĉaj konstruistoj danaj, do, parte por loĝigi la kamparanojn, sed ĉefe por enspezi multe pli da mono, rapide konstruis domaĉojn okcidente de la tiama Kopenhago, kaj tiel aperis la kvartalo "Vesterbro". La loĝejoj konstruatis kiom eble plej malmultekoste, do nur en la plej multekostaj loĝejoj estis necesejo. Ĝenerale tiuj troviĝis en la korto. Imagu tion, kiam iu infano, aŭ fakte iu ajn, devis necesejumi. Tiam necesis ke oni iru malsupren laŭ la ŝtuparo, kelkaj de la 5-a etaĝo, al la korto, kaj en la necesejon, en kiu sin kaŝis ratoj, ĉar en la vintro ankaŭ ili frostas. Kompreneble virinoj kaj knabinoj ne kuraĝis iri malsupren solaj en la nokto, tial la patro devis kuniri. Estis teruraj vivkondiĉoj, kaj iom post iom, precipe nun en niaj "modernaj" tempoj, oni instalis necesejojn en ĉiujn loĝejojn. Sed ofte okazis, ke la purigisto balaante la kortojn en la mateno, trovis strangajn aĵojn malbonodorantajn enpakitajn en malnova gazetpapero. Ili estis elĵetitaj el la fenestroj. Tio estis nur tute natura fenomeno!

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 6a de Majo estos la unua Sabato. Venu

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

 N-ro.58 Informilo de Ghemelaj Urboj.pdf
 N-ro.59 Informilo de Ghemelaj Urboj.pdf
 N-ro.60 Informilo de Ghemelaj Urboj.pdf

Aprilo kaj majo en mia loĝurbo Fushun estas en la plej bela kaj agrabla sezono. Arboj ekburĝonas kaj ekfloras. La arboj svingas en la vento, florfolietoj falantaj estas tiel belaj kaj brilaj. Pli ol espero, pli ol romantiko, ili desegnas diverskoloran pentraĵrulaĵon de la ordinara vivo, ili floras dum la varma printempo post atendo en la longa vintro.




Nun mi sendas al vi tri numerojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj partoprenigas vin en agadoj de ĝemelaj urboj, ĉar ili ankaŭ venas post la longa atendo, ĉar ili ankaŭ volas aldoni koloron al la pentraĵrulaĵo de la Esperanta vivo.

La bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj apartenas al ĉiuj, vi ĉiu estas kaj leganto kaj redaktoro, mi sincere esperas ke vi aliĝas al agadoj de la projekto Ĝemelaj Urboj, kaj al redaktado de Informilo de Ĝemelaj Urboj.

Kore salutas.

Wu Guojiang Redaktoro de Informilo de Ĝemelaj Urboj

*************************************************

**Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.**
**Telefono kaj fakso: (024) 52650322; Retadreso:** ghemelurboj@sina.cn **amikeco999@21cn.com**

****************************************************************************

DISKONIGU nian bultenon al viaj konatoj.
KONTRIBUU al nia bulteno per viaj spertoj.
INFORMU min se vi ne volas plu ricevi nian bultenon.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# KELKAJ MALTRANKVILIGAJ PENSOJ .



Ĉu la teĥnika kaj informada revolucio estas utila por la homaro? Unu el la malutiloj estas, ke produkti niajn bezonojn prenas malpli da laboro, kaj tio havas du malsamajn rezultojn.

Unue la fabrikistoj serĉas manierojn por artefare krei nebezonatajn produktojn, kio forprenas el de nia planedo pli da krudmaterialoj ol necesas, malutilante al venontaj generacioj.

La dua rezulto estas, ke haveblas malpli da laboro por la kreskanta popolo de la mondo. Dum la unua rezulto, kreo de nebezonataj varoj, estas natura parto de la ekonomia kaj socia sistemo en kiu ni nun vivas, la dua rezulto kaŭzatas precipe de nia socia primitiveco. Ni ne jam ellaboris sistemon kiu en demokratio solvas la problemon ke ekzistas senlaboruloj. Se ni deziras ne havi senlaborulojn, la nura solvo estas, dividi la labortuton inter la laboristojn

haveblajn en la socio. Kelkaj kleraj homoj scias la solvon, sed 99% de la homoj ne scias kiel dividi la laboron, aŭ kial dividi la laboron. Ĉi tiu manko de kono aŭ manko de volo rezultas en socion kun parto de la laborpovaj membroj estanta senutila kaj tamen foruzanta la planedon. Ili estas la senvalora parto de nia socio. Kaj ne ili kulpas, sed la egoismo de la laborantoj. Tiu egoismo estas forta parto de nia okcidentisma kulturo.

Kaj ree: ne kulpas la senlaboruloj. Kiam mi en 1952 enmigris en Aŭstralion, ĉeestis en la socio sufiĉe da laboro, tiel ke ĉiu povis trovi laborpostenon, kvankam ofte kontraŭ tre malalta salajro.  Neniu volis ricevi registaran pension. Ĉiuj volis labori, neniu estis mallaborema. Kaj pro tio mi certas, ke se la nunaj laborantoj pretus dividi la haveblan laboron kun la nunaj senlaboruloj, ĉi tiuj volonte akceptus fari sian parton de la socia labortotalo.

Sed kio aŭ kiu faris nin egoismaj? Ĉu Dio? Ĉu la kapitalismo? Ĉu niaj gepatroj? Ĉu la naturo? Ĉu ni mem? Ĉu nia animaleco aŭ besteco?

En la indonezia kamparo ne ekzistas, aŭ preskaŭ ne, senlaboruloj, ĉar la gepatra familio kaj la pli vasta familio kaj eĉ la komunumo zorgas, ke ĉiu havu utilan laboron, laŭ sia kapableco. Ni okcidentuloj ne povas fari tion. Ĉu ni estas malpli inteligentaj, aŭ malpli homaj?

*Marcel Leereveld.*





# Semajna raporto de Melburno

**LUDVESPERO**

Sabaton la 29an de Aprilo ses homoj kunvenis ĉe “Alchemists Refuge” drinkejo por ludi kaj babili. Ni ludis du ludojn - Codewords: Pictures kaj Kartoj Kontraŭ Esperantujo.

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 30an de Aprilo sep homoj kunvenis ĉe “Cafe Beer Deluxe” en Federation Square. Ni babilis, faris krucvortenigmon kaj festis la naskiĝtagon de nia plej juna membro per bongusta kuko.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 1an de Majo ok homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni daŭrigis nian tradukadon de nia parto de 1001 noktoj.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

| | |
|---|---|
| Dimanĉon 7an de Majo je 15:00 | Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square |
| Lundon 8an de Majo je 18:30 | Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton 27an de Majo je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

| | |
|---|---|
| Meetup – 764 | Instagram – 61 |
| Facebook – 290 | Telegram – 20 |
| Twitter – 233 | |

*Joanne Johns*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




# Esperanto-Domo Sidnejo



Tre sukcesa pica vespero en Sidnejo hieraŭ (29a de aprilo) kun multaj partoprenantoj. Partoprenis ankaŭ 2 gastoj: 30 jara Japano kaj lia sveda edzino. Ĉeestis studento el Indonezio, ĉindevena viro kiu lernis Esperanton antaŭ multaj jaroj kaj tiam uzis ĝin por korespondi, sed ankoraŭ neniam parolis Esperanton, ktp. La meza aĝo de la partoprenantoj estis malalta. Samtempe okazis kunveno por ruslingvanoj. Kelkaj el ili ja restis por aŭskulti Richard klarigi pri Esperanto. Ankaŭ estis la lanĉa festo de la nova poŝtelefona aplikaĵo Amikumu. Jam miloj aliĝis. Tamen mi ne sukcesis foti ĉiujn kune, do sur la fotoj vi vidas nur kelkajn el la partoprenantoj.

1a grupa foto. Mi intencis foti ankaŭ la multajn fotantojn, kiuj ne videblas sur la foto, sed ili moviĝis iom rapide, do mi rezignis.
2a foto: Patrick la ĉindevena novulo kun maldekstre Ario, indonezia studento
3a foto: Patrick kun la japana gasto kaj ties sveda edzino
4a foto: Richard klarigas pri Esperanto

*Nicole Else*




2



3







# Radikoj kaj vortoj.



Esperanto same kiel aliaj neizolaj lingvoj konsistas el radikoj kaj vortoj. La radikoj estas neŝanĝeblaj, kaj ĉiu radiko jam havas bazan kategorian signifon. La plejmulto el la radikoj ricevas sian kategorian finaĵon por esti vorto. La resto estas jam vortoj kaj ne ricevas sian kategorian finaĵon. Ĉiuj povas ricevi aliajn kategoriajn finaĵojn, por doni aliajn kategoriosigniferojn . Ekzemple la finaĵo "-o" en "dormo" ŝanĝas la agosignifon de dormi al la substantiva signifero de aĵo aŭ eco aŭ ado. La finaĵo "-o" same ŝanĝas la adjektivan signiferon de "varma" al la substantiva signifero de aĵo aŭ eco, en "varmo". Same oni ŝanĝas la substantivan signiferon en "patro" al la adjektiva signifero en la vorto "patra" por indiki la karakteron de esti patro. Aŭ oni uzas la verban finaĵon "-i" por ŝanĝi la substantivan "martelo" al la verba "marteli".

Tiujn kategoriajn finaĵojn –o kaj –a kaj –i oni en Esperanto uzas por ĉiuj vortoj kiuj estas AŬ Substantivo AŬ Adjektivo AŬ Verbo, eĉ tiam kiam la radiko de la vorto jam estas unu el la tri kategorioj.

Notu ke por karakterizi verbon la adverbo ne ricevas la finaĵon "-a" sed la adverban finaĵon "-e", (kontraŭe al en la nederlanda lingvo) sed nur se la adverbo kreatis el samsignifa adjektivo. La aliaj adverboj, nome tiuj kiuj preskaŭ ĉiam uzatas kiel adverboj, nomiĝas originalaj adverboj kaj ne uzas sian kategorian finaĵon se ili uzatas kiel adverboj. Se ne, oni aldonas la finaĵon, kiel en "morgaŭo" kaj "tiami" kaj "baldaŭa".

Notu ankaŭ, ke la verbo, ja havanta sian neŭtralan finaĵon "-i", anstataŭe ricevas unu el la finaĵoj as, -is, -os, -us aŭ –u se oni volas aldoni la tempon de la ago aŭ la nerealan imagon aŭ la deziron kaj la ordonon. La kernovorto de la predikato en frazo povas esti nur verbo kun unu el ĉi lastaj kvin finaĵoj, kiuj do signifas pli ol la simpla kategoria finaĵo –i. Participoj, kontraŭe al en etnaj lingvoj, estas en Esperanto ne verboj, sed adjektivoj, do difinantaj substantivojn. Por formi la Pasivan Voĉon de la verbo nun eblas uzi (nur) la specialan sufikson "-ati", kiel en "La viro batas/is/os/us/u la hundon > La hundo batatas/is/os/us/u (el "batati") de la viro". Same nun eblas uzi la prepoziciaĵojn "ante al" por "(farite) al" kaj "ate de" por "farite de", kiel "La murdo de la policano" = 1e. "La murdo ate de la policano" kaj 2e. "La murdo ante la policanon (=ante al la policano)". ("ate de" = angle "by").

Escepte de la senfinaĵaj vortoj kiaj la artikolo "la", la prepozicioj, la pronomoj, la numeraloj, la sub- kaj konjunkcioj, pluraj originalaj adverboj, kaj kelkaj aliaj, kiuj ĉiuj ne havas sian originan kategorian finaĵon, ĉiuj aliaj radikoj ricevas en Esperanto kategorian finaĵon por esti vortoj. Krome la verboj havas elekton el ses finaĵoj, kaj la substantivoj kaj la adjektivoj povas ricevi pluralan "-j" kaj/aŭ akuzativan "-n". Ankaŭ la adverboj povas ricevi la akuzativan "-n". La finaĵo –n ne aldonas ekstran signifon al vorto, sed nur mencias ĝian funkcion en la frazo.

Konklude: La lingvo Esperanto konsistas el radikoj kiuj AŬ ne bezonas kategorian finaĵon AŬ kiuj bezonas ĝin por esti vortoj. La afiksoj kaj la finaĵoj agas kiel radikoj, sed la finaĵoj ne povas uzati kiel vortoj, ĉar ili ne povas alikategoriiĝi nek memstare ricevi ĉiujn finaĵojn, nek esti flankelementoj en vortkunmetaĵoj kaj povas uzati nur ĉe la fino de vorto/radiko. Ili do estas reduktitaj aŭ duonradikoj.

*Marcel Leereveld.*

| Flago | Lando | Respondoj en AE301 |
|---|---|---|
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: | |

# FLAGOJ

## DE LA MONDO

Ĉu vi konas la flagojn montratajn maldekstre?

La venonta AE informos vin Kaj enhavos demandojn pri aliaj Flagoj

Sendis *Esther Parris*







## 3ZZZ

La elsendo de la 1a de Majo estas dediĉita al la historiaj eventoj, pro kiuj ĝi fariĝis la tago de la laboristoj. Ĝi estas feria tago en multaj landoj sed ne en Aŭstralio. En Francujo oni disdonas konvalojn al amikoj, kial? Aŭskultu! vi havos la respondon.



Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

